18/10/94


# INTERNACIA ĴURNALISTO 4/94

organo de TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)


## La trejn-kurso komenciĝis

**Pli ol dek partoprenantoj en la unua fazo**

Jam antaŭ ol estro de TEĴA-komisiono pri trejnado de ĵurnalistoj, Paŭlo Gubbins, havis preta la kompletan materialon, anoncis sin manpleno da interesitoj pri la perkoresponda kurso. Nun, en oktobro, definitive ĝi komenciĝis kun pli ol dek kursanoj. Inter ili estas, cetere, ankaŭ redaktoroj de *Monato*.

La kurson konsistigas **8 lecionoj** kun instruoj kaj konsiloj, atentigoj kaj avertoj. Kiu konas la plumon de l' ĵurnalisto Gubbins, ne miros ke la lecionojn karakterizas freŝa kaj amuza stilo. Ni povas esti certaj, ke kursanoj gaje kaj volonte lernos.

Tamen, la plej grava parto de l' kurso estas **ekzercoj kun taskoj**, kiujn ĉiu lernanto devas plenumi post ĉiu leciono kaj tiel pruvi, ke li studis kaj komprenis instruojn kaj konsilojn. Siajn taskojn kursano devas sendi al sia docento, kiu prijuĝas ilin kaj atribuas poentojn. Maksimume lernanto povas akiri 25 poentojn post ĉiu leciono, tiel ke haveblos entute 200 poentoj kursfine. Laŭ la regularo, studantoj kun malpli ol 40 % de poentoj ne akiras diplomon; kiu havos minimume 75 %, tiu diplomiĝas kun honoro. Malsukcesinto, interkonsente kun la trejnad-komisiono, povas tute aŭ parte ripeti la kurson.

Kursano devas pagi **kotizon** kaj kompreneble la afrankon por sendi siajn taskojn. En la momento, kiam ni skribas tiujn ĉi liniojn, la kotizosumo ne jam estis fiksita. Krome TEĴA esperas, en 1995 ricevi subvencion de FAME-fondaĵo por kursanoj en landoj de t. n. tria mondo, kiuj propable do devos pagi nur la afrankon sed ne kurskotizon.

## Preskoboldo?

LA ETA GAZETO *(Triesto) aperigis tiun ĉi bildon kaj asertas, ke ĝi estas la fifama preskoboldo! La gazeto referencas al la propono de la estraro de TEĴA, nomi ĝin honora membro de nia asocio (vidu IĴ n-ro 3/94). La estraro tamen havas dubojn, ĉu vere estas tiu ĉi koboldo...*




## ENHAVO

*KOLOFONO*


**INTERNACIA ĴURNALISTO**
Organo de

TUTMONDA ESPERANTISTA ĴURNALISTA ASOCIO (TEĴA)

Aperas 4foje dum jaro.

Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, D-86150 Augsburg, Germanio , tel./telefakso (49) 821 / 520385
Redaktofino de ĉi tiu numero: 5 okt 94





Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.

Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.

*Verantwoordelijke uitgever:* Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

Kompostata per Atari Signum 2. Presata de Flandra Esperanto-Ligo.





**Membrokotizo:** 30.00 germanaj markoj aŭ 21 usonaj dolaroj jare


## OFICIALAJ INFORMOJ de la TEĴA-estraro

● **TEĴA-kotizo 1995.** Ne forgesu laŭeble baldaŭ, ĉiuokaze ankoraŭ en 1994 pagi vian membrokotizon por 1995, se vi ne volas riski, ke oni nuligos vian membrecon. TEĴA ankoraŭ havas ŝuldon de multe pli ol mil germanaj markoj kaj do devas severe atenti pri siaj financoj.
Memoru, ke ordinara kotizo estas 30 **germanaj markoj** (aŭ egalvaloro). Membroj de landaj sekcioj pagas sumon fiksitan de la sekcio. Por aliaj (neokcidentaj) landoj validas kotizo de (minimume) 5 **germanaj markoj** laŭ decido de l' membrokunveno 1993 en Valencio.

● **Abono de IĴ.** Ekde 1995 eblas ankaŭ aboni la fakrevuon *Internacia Ĵurnalisto* sen esti membro. Abonkotizo por ĉiuj landoj estas 30 **germanaj markoj** (aŭ egalvaloro). Por aboni, oni simple pagu la sumon al konto de TEĴA kun indiko „abono de IĴ 1995".

**UEA-konto de TEĴA: ttmj-f**

● **Novaj membroj.** Post redaktofino de la jarlibreto de TEĴA aliĝis jenaj membroj, kiujn ni kore bonvenigas:
Belgio: BOON s-ro Bert, Merelhof 8, B-3300 Tienen. Ĉeĥio: CHRDLE s-ro Petro, Anglická 878, CZ-25229 Dobrichovice; HASALA s-ro Vladislav, A. Dvoráka 1, CZ-69662 Stráznice. Pollando: TYBLEWSKI s-ro Tyburcjusz, ul. Bartka Zwyciezcy 1, PL-58-500 Jelenia Góra.



**KIEL PAGI AL FLANDRA ESPERANTO-LIGO?**

**Flandra Esperanto-Ligo, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio.**

- Se en via lando ekzistas poŝtĉekkonta sistemo, vi povas pagi al poŝtĉekkonto n-ro 000-0265338-43 (poŝtĉek-oficejo Bruselo, Belgio), de Flandra Esperanto-Ligo;
- Se en via lando ekzistas eŭroĉekoj, vi povas sendi tian ĉekon. La valuto devas esti la **belga franko** (BEF) kaj dorse de la ĉeko devas troviĝi **via bankkartnumero**;
- Posedantoj de VISA-, MASTERCARD-, EUROCARD- aŭ ACCESS-kreditkarto simple sciigu per subskribita karto sian numeron kaj validodaton;




- Se vi havas konton ĉe UEA, sendu ĝirilon. La kontkodo de Flandra Esperanto-Ligo estas fela-x;
- Se vi havas konton en usona banko, sendu al ni ordinaran usonan bankĉekon. En tiu kazo la valuto devas esti la **usona dolaro** (USD).

Nur se vi ne povas pagi laŭ unu el la kvin supraj vojoj, uzu la jenajn, kiuj tamen kostos al vi multe pli:
- Sendu al ni ordinaran bankĉekon el via lando, prefere en belga valuto. Aldonu al la sumo 225 BEF aŭ ties egalvaloron plus la sumon kiun fakturos via banko. Bv. informiĝi tie. Sur la ĉeko vi skribu la nomon **Flandra Esperanto-Ligo.**
- Sendu al ni internaciajn respondkuponojn. Ili validas, se ili estas nur maldekstre stampitaj. Unu respondkupono egalas al 30 BEF.

# Marĝene de la jubileo

## Historio de l' Esperanto-elsendoj de Varsovio

**Kiam la 4an de aprilo 1959 estis lanĉitaj kaj prefere relanĉitaj Esperanto-elsendoj en Pola Radio, iuj memoris la postmilitajn esperantlingvajn programojn el Varsovio. Malmultaj konsciis pri la esperantlingvaj babiloj en la sama radiostacio en la antaŭmilita periodo.**

Neniu verŝajne rimarkis, ke la relanĉo okazis precize 36 jarojn post kiam Komerca Konferenco en Venecio (4an de aprilo 1923) rezoluciis: „La konferenco, en kiu partoprenas ankaŭ reprezentantoj de Radioelektraj Societoj, konstatas, ke la tutmonda disvastiĝo de senfadena telefonio nepre postulas rimedon por superi la lingvajn barilojn kaj rekomendas la uzadon de Esperanto por komunikaĵoj destinitaj al eksterlanda aŭdantaro."

**Vasta publika intereso**

La 4an de aprilo 1994, la esperantilingvaj elsendoj de Pola Radio eniris sian 36an ekzistojaron. Por ĝuste taksi ĉi tiun fenomenon, valoras iom retrorigardi. Nome la disvastigo de la radioelsendoj ĝenerale kongruis kun vasta publika interesiĝo pri Esperanto (ekz. la rezolucio de Komerca Konferenco en Venecio). Multe pli sprona evidentiĝis la kunveno de Internacia Unio de Radiofonio en Laŭzano, Svislando (11a ĝis 13a de majo 1927). Laŭ propono de Ĝeneva Radio estis proklamita rekomenda rezolucio: „La Internacia Unio de Radiofonio rekomendas al la stacioj fari provon pri regulaj dissendoj en Esperanto - unufoje en la semajno dum 10 - 15 minutoj por anonci al malproksima aŭskultantaro la ĉefajn punktojn de sia semajna programo... Samtempe ĝi rekomendas al ili anoncigi sian stacion unufoje ĉiutage en Esperanto."

**Unuaj provoj en 1922**

Laŭ *Enciklopedio de Esperanto* la unuaj provoj pri esperantlingva elsendado okazis en 1922 kaj koncernis du sendstaciojn en du landoj, en 1924 Esperanto aŭdiĝis en 130 sendstacioj de 18 landoj. En la jaro de la laŭzana kunveno Edmond Privat skribis en la organo de UEA: „Dum lastaj tri jaroj okazis ĉefe E-kursoj ĉe 30 radiostacioj el 19 landoj. Nun venis la tempo uzi la lingvon por ke la lerno utilu. Tion jam faras regule Radio Paris por dissendi ekonomiajn informojn kaj Radio Lajpcig pri vetero."

La aplikado de Esperanto en radiofonioj daŭris. En 1933 entute 83 sendstacioj en 14 landoj okazigis 1774 disaŭdigojn en aŭ pri Esperanto, inkluzive de 27 prelegoj esperantlingvaj aŭdiĝintaj en Pola Radio. En Esperantujo famis „altvalora horeto Esperanta" el Berno, eĉ se aŭdigita nur unufoje dum monato. Kaj ĝuste rigardante ĉi tiujn imponajn statistikaĵojn, ni ne lasu nin trompi - temis pri elsendoj pli aŭ malpli regulaj, al kiuj senavare kontribuis elstaraj kaj mezaj esperantistoj konforme al la alvoko de Privat: „... ni kore esperas, ke ĉiuj E-grupoj klopodos havigi al sia urba radiostacio unu aŭ du sindonajn deĵorantojn kun modela elparolo por helpi en tiu afero 4- aŭ 2-foje monate."

**Se ne estus 2a mondmilito...**

Nun eblas sole ŝpini la supozojn, kiel disvolviĝus la aplikado de Esperanto en radiofonio, se ne eksplodus la 2a mondmilito, kiu ĉesigis ĉi tiun disfloradon, eĉ pli: ĝi donis - kiel ŝajnis - la mortan frapon al la E-movado ĝenerale. Kaj tamen en 1945 jam 8 radiostacioj restarigis siajn esperantlingvajn programojn, inkluzive de Varsovio. De 1947 la esperantlingva komunumo restarigis la ĉiujarajn asembleojn, Universalajn Kongresojn. La baldaŭ proklamita t. n. malvarma milito, la divido de la politika scenejo je la orienta kaj okcidenta parto, ne restis seninflua je la evoluo de la E-movado en ĉiu el la partoj.

**Jubilea kongreso**

En 1950 la E-elsendado el Varsovio ĉesis. Nur dum la UK en Mainz, Germanio, aŭdiĝis la invito por la 44a UK al Varsovio. 1959 ja estis la jaro de la 100a naskiĝdatreveno de la kreinto de la lingvo internacia. Tiam unu el la elstaraj figuroj de la pola E-movado, magistro Isaaj Dratwer, sukcesis interesigi pri esperantlingvaj elsendoj la tiaman polan ĉefministron, Józef Cyrankiewicz [Cirankieviĉ] - onidire E-simpatianto por ne rekte diri eks-esperantisto.

**Granda defio**

La ideo estis aprobita, sed estis samtempe prezentita kondiĉo: Ne eblas paroli pri eksperimenta dekkelkminuta babilo, ne eblas paroli pri lingvo-rubriko. La elsendo devas esti ĉiutaga, duonhora, profesinivela - prilaborata en speciala lingvoredakcio en la poreksterlanda fako de Pola Radio. Ŝajnis, ke la defio superas la fortojn de la varsoviaj esperantistoj.

La antaŭpreparoj por la lanĉo de la elsendoj ĉirkaŭprenis ne nur plej talentajn esperantistojn, sed ankaŭ laborantojn de Pola Radio, kontribuontajn al pretigado de la elsendo kiel realigantoj kaj parolistoj. Plurnombra stabo de esperantistoj,

alproprigintaj la sekretojn de la radiometio, kaj de radiolaborantoj, lernintaj Esperanton, lanĉis la 4an de aprilo 1959 E-elsendon, kiu estis konceptita kiel profesinivela eksperimento antaŭ la varsovia kongreso de la monda esperantistaro. Ĉiutage, je la 16.30 h eblis ŝalti la radioaparaton por aŭdi la tondran voĉon de Piotr Rowiński: „Parolas Varsovio, la naskiĝurbo de Esperanto" - kaj riĉajn laŭforme kaj enhave informojn pri la kongreslando kaj esperantistaj aferoj. La reagoj de la aŭskultantoj superis ĉies atendon kaj kaŭzis, ke la eksperimento transformiĝis en ĉiutagan tradicion.

Estas malfacile en kelkaj frazoj resumi la laboron kaj atingaĵojn de la redakcio kaj ĝiaj laborantoj, retrorigardante al la pasintaj 35 jaroj. Eblas diri tutcerte, ke aŭdiĝis en tiu tempo 42 306 elsendoj kaj se ni premisus, ke ĉiu el ili havis nur 25 minutojn, temus pri 17 627,5 horoj da kontinua emisiado. Sed eble pli interesa estus memorigo - ol ĉi tiu iom truka nombroĵonglado - pri tio, ke de la duonhora ĉiutaga programo la elsendoj evoluis eĉ ĝis ĉiutaga trihora programo kaj nun proponas al la aŭskultantoj ĉiutagajn du duonhorajn elsendojn, aŭdeblajn ankaŭ persatelite.

**Vivanta Esperantujo**

En ĉiu etapo de la esperantlingva elsendado Pola Radio krom esti eksplikilo de la pola ŝtat-intereso pontis universalajn ideojn, spegulante la vivantan Esperantujon en amplekso kaj ofteco ĝis nun neiam renkontata, en kiu ajn radiofonio, ofte transportinte esperantoparolantojn ĝisdate en la lokon de la plej gravaj esperantistaj okazaĵoj kiel UK, ne parolante pri aliaj sonraportoj pri E-jubileoj, renkontiĝoj, konferencoj.

**Profesiaj ĵurnalistoj**

Esperanto-elsendoj de Pola Radio delonge ne plu estas eksperimentaj, provaj aŭ demonstraj. Per ĉiuj formoj de radio-ĵurnalismo ili raportas la realon ne nur esperantistan - en ĉiam pli signifa grado en la tiel nomata rekta, vivanta formo. Ankaŭ ĉi-sfere la E-elsendoj de Varsovio sekvis la ĝeneralan disvolviĝon de la radia komunikformo, kaj delonge ne eblas paroli pri esperantistoj deĵorantaj en la radioredakcio, sed pri ĵurnalistoj - kiuj en sia profesia aktivado utiligas la lingvon internacian. Iuj certe estas ankaŭ esperantistoj. Por tiuj tutaparte tioman gravecon havas la premioj, kiujn la E-movado atribuis al la redakcio pro la atingaĵoj en la evoluigo de la ĵurnalisma lingvo (1970) aŭ pro la kontribuo al la interpopola paca interkompreniĝo - la premio de Onisaburo Deguĉi en 1993.

Laŭ historia vidpunkto ĝenerale kaj tutaparte laŭ la vidpunkto de la varsoviaj elsendoj, oni povas reliefigi la daŭron de la fenomeno, kiu ebligas al esperantistoj ĉiutage vivi sian esperantistecon. Dum por multaj esperantistoj daŭre Esperanto estas la lingvo de legaĵoj, korespondaĵoj aŭ pli-malpli sporadaj renkontoj, por la radioaŭskultantoj la E-elsendoj estas la vivanta medio, la loko de ilia ĉiutage spertata lingvo-identeco.

Barbara PIETRZAK
ĵurnalistino en E-elsendoj de Pola Radio

**TEĴA**

# Estraro en krizo

## Anstataŭ jarraporto

**En 1992, en Vieno, ni sukcesis reformi nian asocion, kiu troviĝis en grava krizo. Nun ŝajnas ke ni devas reformi la estraron de TEĴA, ĉar ĝi estas en krizo...**

Pruvas tion ekzemple la fakto, ke spite al la anonco en antaŭa numero de IĴ ni ne povas aperigi ĉi-numere la agad-raporton de la ĝenerala sekretario, simple ĉar de pluraj monatoj li tute ne plu reagas kaj do ankaŭ ne sendis sian raporton. Jes, ni nun havas belajn statuton kaj reglamenton, sed ja necesas plenigi tiajn paperojn per vivo.

El la sep estraranoj vere funkcias krom la prezidanto (kiu oficas ankaŭ kiel redaktoro de IĴ) nur vicprezidanto Paŭlo Gubbins kaj kasisto Dino Fabris. Nia 2a vicprezidanto certe ankaŭ aktivas (kaj emus pli multe aktivi), sed kontaktoj kun Aleksander Korĵenkov konstante fiaskas - mirindaĵo en epoko de mirindaj teknikaj komunikiloj! La aliaj estraranoj absolute silentas de konsiderinde longa tempo.

**Novaj homoj bezonataj**

En 1995, dum la membrokunveno en Tampereo (Finnlando), kie okazos la Universala Kongreso de Esperanto, ni devos elekti estraron, laŭ la statuto. Laŭ ĝi la estraro havas mini-

**Ĝemas la redaktoro**
**pri l' manuskripta valoro:**
**„Raporton mi ofte reverkas,**
**per propraj klopodoj ja sterkas**
**du aŭ tri foĵojn, antaŭ ol**
**al paperkorb' iras artikol' !"**

mume 5 personojn. Fakte do ni povos rezigni pri 2 personoj - kaj laŭ la spertoj ni faru tion. Kion tamen ni nepre bezonas, estas kompetenta ĝenerala sekretario. La prezidanto, kiu jam estas kromŝarĝita per redaktado de l' revuo, ne povas plenumi krome ankaŭ la taskojn de ĝenerala sekretario, nek tion povas akcepti unu el la vicprezidantoj.
Tial ni alvokas membrojn, kiuj emas kaj kapablas transpreni oficon de ĝenerala sekretario - ja kerna tasko en TEĴA - en 1995, anonci sin.

**Raporto**

Por tamen formale plenumi la postulojn de nia statuto, jen ni listigas agojn (kaj neagojn) de l' estraro dum la pasinta jaro.

● **Membro-kunveno 1993.** Ĝi okazis dum la UK en Valencio (Hispanio) kaj akceptis jenajn decidojn:
Aprobo de definitiva Etika Kodo de Ĵurnalismo.
Altigo de membrokotizo al 30 germanaj markoj por okcidentanoj kaj minimume 5 germanaj markoj por aliaj ekde 1994.
Aprobo de la projekto trejnado de ĵurnalistoj en formo de perkoresponda kurso.
Kreo de Premio Privat, kiun unuafoje ricevis Zlatko Dizdarevîĉ.

● **Membrokarto.** En 1993 TEĴA eldonis ankaŭ novan, modernan membrokarton.

● **TEĴA-seminario en Poprad.** Temo estis „Ĵurnalismo en oriento kaj okcidento". Ĝi okazis dum semajnfino komence de oktobro 1993 kun altnivelaj prelegoj kaj diskutoj, sed la nombro de partoprenantoj estis mizera. Tial la estraro decidis, ne plu aranĝi tiajn seminariojn.

● **Jarlibreto de TEĴA.** Ĝi aperis komence de 1994 por la unua fojo kaj enhavas: membroliston, liston de redakcioj de gazetoj kaj radiostacioj, statuton, reglamenton kaj laborplanon de TEĴA. Membroj ricevis ĝin senpage, aliaj povas aĉeti por 10 germanaj markoj. Ĝenerale oni aprobis la ideon, sed konstatis mankojn de enhavo (pluraj gravaj redakcioj ne sendis informojn) kaj de tekniko (parte malbona preso).

● **Internacia Ĵurnalisto.** Nia fak-revuo en 1994 aperis nur 3 fojojn; kvaran numeron ni ŝparis por tiel financi la eldonon de l' jarlibreto. Preskavliton konsiderinde plibonigis uzado de blanka papero. La redaktoro daŭre plendas pri manko de materialo, ĉar tro malmultaj membroj verkas kaj sendas artikolojn.

● **Membroj.** Komence de 1994 la estraro devis nuligi la membrecon de 38 personoj, kiuj dum pluraj jaroj ne pagis kotizojn. Aliĝis intertempe 22 novaj membroj, tiel ke aktuale TEĴA havas 142 membrojn.

● **Membrokunveno 1994** ne okazis, ĉar UEA postulas nun pagon de salono dum UK kaj ĉar neniu estrarano povis partopreni la kongreson en Seulo.

● **Premio Privat** en 1994 ne estis aljuĝita, manke de kandidatoj.

● **Perkoresponda kurso.** Ĝin preparis estro de l' komisiono pri trejnado de ĵurnalistoj, Paŭlo Gubbins. Anoncis sin konsiderinde multaj interesitoj kaj la kurso povis starti en aŭtuno 1994.

● **Landaj sekcioj.** Ruslanda sekcio aktivis, i. a. per seminarioj. Krome ĝi zorgis pri presado kaj ekspedado de l' jarlibreto de TEĴA. Pri la aliaj sekcioj la estraron atingis neniaj informoj.

● **Kasostato.** Ankoraŭ TEĴA havas ŝuldon, kiu sumiĝis en aŭtuno 1994 - do antaŭ apero de tiu ĉi numero de IĴ - je ĉ. 1500 germanaj markoj. Tamen Flandra E-Ligo konsentis daŭre eldoni la revuon, ĉar TEĴA havas esperon, nuligi la ŝuldon en 1995, kondiĉe ke la membroj ne nur pagas siajn kotizojn sed ankaŭ helpas per mondonacoj. Ĉu la asocio povos gajni profiton ankaŭ el la perkoresponda kurso, tion la estraro ankoraŭ ne povas scii.
Por la estraro
Stefan Maul, prezidanto

**BRITIO**

# Dinastioj ĵurnalistaj

**Oni parolas pri nova mafio, nova aristokratio: oni aludas al la dinastioj ĵurnalistaj; familioj, kies anoj pli kaj pli dominas la paĝojn de naciaj gazetoj, kies pugoj pli kaj pli kovras la seĝojn de televidaj t. n. babilprogramoj. Potencaj, riĉaj familioj, kies opinioj pli kaj pli determinas, formas la pensojn de la nacio - kien do ĵurnalista sendependeco, honesto?**

Estis tempo, kiam en Britio ĵurnalistoj trejniĝis. Juna, esperplena skribisto dungiĝis ĉe loka, ofte mizera - sed ne ĉiam - gazeto; ricevis ridindan, insultan salajron; deĵoris horojn, tagojn, nokton, ja semajnfine, polurante raportojn pri vilaĝaj poreo-ekspozicioj, pri surtrotuara hundo-fekaĵo, pri aĉaj sed fieraj futbal- kaj kriket-teamoj; ĉiam atendante la akran, mordan kritikon de cinika, mondosata ĉef-redaktoro (Tiom da vortoj, bub'; pli da koloro, verm'); dume luktante kun stenografio, juro, finfine kun la ekzamenoj de la nacia ĵurnalista instanco: nur tiam oni rajtis sin nomi ĵurnalisto. Kaj poste: al ĵurnalo regiona, grandurba; tiam ĉefurba ... kaj tiam, nur por talentuloj, vera elito, jam en meza aĝo, propra rubriko,

kolumno, kune kun renomo, respekto, ja riĉo.

**Tuja dungiĝo**

Kial do nun flavbekulino, ĵus diplomiĝinta ĉe brita universitato, tuj dungiĝis ĉe nacia revuo *Tatler*? Simple: la patrino - Eve Pollard - estas iama redaktoro de nacia gazeto *Sunday Express*. Kaj kial la edzino de la redaktoro de *Sunday Telegraph* - Charles Moore - respondecas pri ties recenz-rubriko, dum la frato pri arkitekturo kolumnas? Aŭ la frato de la redaktoro de *Sunday Times* - Andrew Neil - respondecas pri ties skota eldono?
Kial rdaktoro de konata gazeto diris al alia flavbekulino: „Ĉu vi sukcesos kiel ĵurnalisto, mi tute ne scias. Tamen via patro ja sukcesis. Kaj talento talenton bredas. Do mi vin dungos."
Nepotismo, nura nepotismo; kaj ve al tiuj kompatinduloj sen tiaj kontaktoj.
Do la filo de iama ministro Nigel Lawson fariĝis redaktoro de revuo *Spectator*: la saman postenon okupis la patro, antaŭ ol fariĝi politikisto. Kaj la fratino samrevue respondecas pri la televido- kaj restoraci-rubrikoj.

**Jam en tria generacio**

Jam tri generacioj de la familio Dimbley gravuriĝis en la mensojn de britoj. La patro Richard famiĝis kiel televida raportisto; la filoj David kaj Jonathan konatiĝas pro propraj televidaj kaj radiaj programoj, kaj nun filo de David, Henry, nur 24-jaraĝa, saltis rekte en la kolumnojn de nacia gazeto *Daily Telegraph*.
Sama trigeneracia fenomeno evidentiĝas ĉe familio Waugh. La patro, Evelyn, estis verkisto kaj eksterlanda raportisto; la filo Auberon kontribuis al kolumnoj en *Daily Telegraph* kaj *Spectator*; la filino de Auberon, Daisy (26-jaraĝa), rubrikas pri restoracioj en nacia gazeto *Independent*; kaj ŝia frato Alexander havis 29 jarojn, kiam li fariĝis oper-recenzisto. La nevino de Auberon, Claudia, havis 27 jarojn, kiam ŝi ekrespondecis pri propra kolumno en *Daily Telegraph*.

**Gefiloj de politikistoj**

Klare, ke la nova mafio pri povo disponas. Antaŭe tiu, kiu povon, eminentecon avidis, elektiĝis kiel parlamentano. Sed hodiaŭ ne. La gefiloj de pluraj kaj famaj deputitoj plene rezignis pri parlamento: Carol Thatcher (filino de la t. n. fera sinjorino Margaret), Annabel Heseltine (ministro-filino), James Mates (filo de iama ministro), Stephen Kinnock (filo de iama opozici-estro) kaj Sarah Smith, William Cash kaj Emma Cash (gefiloj de konataj deputitoj) ĉiuj fariĝis ĵurnalistoj.
Kia redaktoro turnas la dorson al tiuj, kiuj tage manĝas, tage interrilatas kun la plej eminentaj, la plej signifoplenaj homoj en la lando?

**Kaj sendependeco?**

Do: kial ne? Jam de jarcentoj ekzistas nepotismo: la mondo ankoraŭ rondiras la sunon; nenia katastrofo. Sed fanfaronas la ĵurnalistaro pri sia sendependeco: ĉu ne kernas tiu sendependeco en ĉiu matura, sana, bone funkcianta demokratio? Ĵurnalistoj luktas kontraŭ maljustecon, defendas la surtretataron, kritikas, analizas; pikas, rezonas. Sed kiel? Kiel, se temas pri dinastioj intime interplektiĝintaj kun la superaj tavoloj de socio, politiko kaj komunikado?
Kaj kio pri la talenta, eturba neniulo, sen kontaktoj, sen nomo, sen renomo? Ĉu ŝi/li iam povos tralabori la ĵurnalistan labirinton por finfine akiri ĉefurban eminentecon, respekton kaj influon? Mi dubas, ĉar la tria-, kvara-generacianoj de la nova ĵurnalista aristokrato jam estos dividintaj inter si la amas-komunikilan predon.
Paŭlo GUBBINS



**SAN MARINO**

# Komunikad-scienco establita en AIS

**Dum 13a Sanmarina Universitata Sesio (SUS) de 27a de aŭgusto ĝis 4a de septembro 1994 okazis unua kurso pri komunikad-scienco kaj ĵurnalistiko. Per tio samtempe instaliĝis nova fako *komunikad-scienco* en Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino (AIS).**

Tio estis sendube grava paŝo ne nur por sciencoj en lingvo internacia, sed ankaŭ por ni ĵurnalistoj kaj aparte por TEĴA. Ĉar nun formale la fako estas agnoskita kaj establita sur universitata nivelo, konforme al karaktero de niaj ĵurnalistoj en internacia skalo.
AIS ja havas sian juran sidejon en la respubliko San Marino, sed ĝi aktivas ne nur tie; ĝi havas filiojn en diversaj landoj kaj kontraktojn kun pluraj universitatoj en diversaj landoj. Tiel sesioj de AIS okazas en pluraj landoj, konsekvence do ankaŭ kursojn de komunikad-scienco oni realigos ne nur en San Marino.
Fakte, cirkonstancoj kaj kondi-

Sciencaj Aktoj
Volumo 3/6.2
Acta Sanmarinensia Academiæ Scientiarum Internationalis
(Tekstaro de Sanmarinaj Universitataj Sesioj)

*Stefan Maul*

Enkonduko en la arton skribi

«Libro»

*Tiu ĉi kajero de Sciencaj Aktoj de AIS* (ISBN 83-85033-07-3) *enhavas la unuan lekcion de l' kurso pri komunikad-scienco kaj ĵurnalistiko de Stefan Maul. Oni povas mendi ĝin ĉe: Akademia Libroservo «Libro», ul. Bartka Zwyciezcy 1, PL-58-500 Jelenia Góra, Pollando. Prezo de 1 ekzemplero: 2 germanaj markoj.*

ĉoj en San Marino mem ne estas tre favoraj por neriĉaj studentoj, simple ĉar restado tie estas tre multekosta. Tion pruvis ankaŭ tiu ĉi 13a SUS: mankis studentoj en ĉiuj kursoj. Tiun de *Stefan Maul* ĉeestis maksimume sep, kutime tamen nur tri ĝis kvar personoj. Tamen, unu studentino faris ekzamenon.

**Debut-prelego**

Laŭ la severa regularo de AIS, por establi la fakon, necesis ankaŭ debut-prelego de l' estonta docento. Pro diversaj misaĵoj kaj eraretoj (ankaŭ flanke de Stefan Maul) origine tiu debut-prelego estu la unua lekcio de l' kurso („Enkonduko en la arton skribi"), kiu konsekvence aperis en *Sciencaj Aktoj* de AIS (vidu sube) kun la karakterizo de *debut-prelego*. Sed ĉar debut-prelegoj en San Marino okazis nur fine de l' semajno kaj kompreneble la unuan lekcion Maul faris komence de l' kurs-semajno, li devis elekti alian temon. Do li prelegis pri „influo de televido al gazetaro" (vidu la tekston en tiu ĉi n-ro de IĴ).

Tiel, per kurso kaj debut-prelego, estis plenumitaj la formalaj kondiĉoj kaj Stefan Maul estis alvokita oficiale kiel docento de AIS en sekcio 6 - morfosciencoj, kies dekano estas profesoro Tyburcjusz Tyblewski (Pollando).

Ni esperas, ke en 1995 plia kurso povos okazi dum AIS-sesio en orienteŭropa lando. sm

**KOMUNIKAD-SCIENCO**

# Influo de televido al gazetaro

## Evoluo kaj ekzemploj en Germanio

**Debutprelego de *Stefan Maul* dum la 13a sesio de Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino (AIS), la lan de septembro 1994 en San Marino; sekve de ĝi li estis akceptita kiel docento en AIS en sekcio 6 - Morfosciencoj - por la fako komunikad-scienco.**

**La temo**

Dum jarcentoj gazetaro kaj ĵurnalismo povis evolui kvazaŭ aŭtonome, ĉar presitaj komunikiloj havis monopolon en amas-komunikado. Sed per la aŭd-vidaj komunikiloj *radiofonio* kaj precipe *televido* jen aperis konkurenco, al kiu vole-nevole gazetaro devis reagi. Ni volas esplori la influon de *televido* al *gazetaro* en Germanio kaj prezenti kelkajn ekzemplojn tiulandajn. La rolon de *radiofonio* kaj aliaj aŭdvidaj komunikiloj ĉi-artikole ni traktos nur akcesore pro tio, ke ties influo al gazetaro estas konsiderinde malpli signifa ol tiu de l' plej fascina por konsumantoj komunikilo *televido*. Celo de nia esploro estas precipe eltrovi, ĉu la evoluo estas pli pozitiva aŭ negativa laŭ soci-kulturaj kriterioj.

**1. La germana gazetaro post la 2a mondmilito**

Ni limiĝas en nia esploro al la periodo post la 2a mondmilito, kiam en Germanio reaperis liberaj gazetoj en ties okcidentaj partoj, okupitaj de l' aliancanoj Usono, Francio kaj Britio; en la orienta parto, okupita de Sovetio, pro la establiĝo de totalisma komunisma ŝtato, ne povis aperi privataj, liberaj gazetoj: ĉiuj estis ŝtat-partiaj, same poste televido.

En okcidenta Germanio post la milito fondiĝis kaj refondiĝis multaj **urbaj** ĵurnaloj (taggazetoj) kaj kelkaj **tutlandaj**; la urbaj (lokaj) pro la ekonomia evoluo pli kaj pli malaperis aŭ kunfandiĝis al **regionaj** ĵurnaloj. Malaperis ankaŭ kelkaj ĵurnaloj, kiuj apartenis al partioj, precipe socialdemokrata partio. Hodiaŭ - post la unuiĝo de l' du ŝtatoj - en tuta Germanio ekzistas nur du tipoj de ĵurnaloj: 5 tutlandaj, inter ili la bulvarda *Bild* (Bildo), kaj multaj regionaj ĵurnaloj. Ĉiuj havas **privatajn** proprietulojn, kio signifas ke kompreneble ilin gvidas komercaj interesoj. Escepte de *Bild* kaj kelkaj regionaj bulvardaj ĵurnaloj, kiujn oni aĉetas surstrate, en kioskoj kaj diversaj vendejoj, ĉiuj aliaj estas abon-gazetoj, kiujn eldonejo mem aŭ poŝto liveras ĉiumatene al la loĝejoj de l' abonantoj. La ĵurnaloj financas sin kutime per enspezoj de abon-kotizoj je unu triono kaj de reklam-anoncoj je du trionoj. ►

Preskaŭ ĉiuj regionaj ĵurnaloj havas monopolon en sia sfero kaj do estas **sen konkurenco**; nur la tutlandaj ĵurnaloj konkurencas inter si, escepte de *Bild* kiel sola tutlanda bulvarda ĵurnalo.

**2. Konkurenco de kinejo kaj radiofonio**

Post la 2a mondmilito same kiel ĵurnaloj, en okcidenta Germanio refondiĝis ankaŭ porkinejaj liberaj **semajn-revuoj** kaj **radiofonio**. La semajn-revuaj filmoj pro sia limigita aktualeco kompreneble estis nenia konkurenco por la multe pli aktuala ĉiutaga gazetaro. Radiofonio instaliĝis en postmilita Germanio nek sur ŝtata nek sur privata bazo, sed ricevis statuson de *korporacioj de publika juro* kun kontraktoj de l' unuopaj federaciaj ŝtatoj kaj kontrol-organoj, kiujn konsistigas delegitoj de partioj, sindikatoj, eklezioj kaj aliaj gravaj en la socio orgnaizaĵoj. Radiofonio (kaj poste televido) en Germanio do tiutempe estis *duonŝtataj*, publik-juraj, ĉiuokaze **ne privataj**.

**2.1. Malavantaĝoj de radiofonia informado**
Ties radioprogramoj estis **nenia konkurenco** por gazetaro, kvankam radio el ĉiuj amas-komunikiloj estas la plej aktuala. Sed el ĉiuj koncernaj esploroj oni scias, ke la nur aŭdita informo estas tre efemera: ĝi restas nur parte kaj nur portempe en memoro de l' ricevinto. Konsekvence inform-elsendoj en radio estas tre koncizaj, mallongaj, ofte nur kelkminutaj, ĉar alimaniere aŭskultanto perdas intereson kaj atentokapablon. Tial radio povas informi nur rudimente pri la plej gravaj eventoj. Kontraste ĵurnaloj informas detale kaj amplekse kaj ĉiu informemulo povas trankvile legi kaj relegi pri la eventoj de l' antaŭa tago.

**2.2. Atuto de regionaj ĵurnaloj**
Krome radiofonio en tre grava sfero tute ne povis konkurenci al regionaj ĵurnaloj: **lokaj** kaj **regionaj temoj** ne trovas atenton en centraj radioprogramoj. Sed ju pli proksimaj al persona medio de l' homoj estas informoj, des pli gravaj ili estas: kiu mortis en *mia* urbo, kion decidis *mia* urbestraro, kion prezentas *mia* urbotcatro, kion ofertas vendejoj en *mia* urbo - ĉio ĉi estas multe pli interesa por ordinara homo ol tio, kio okazis en la ĉefurbo, en najbaraj landoj kaj aliaj kontinentoj. Tio estas gravega atuto de l' regionaj ĵurnaloj, kiuj estas nemalhaveblaj kaj spertas konkurencon eĉ ne de tutlandaj ĵurnaloj, kies abonanto bezonas krome la ĵurnalon de sia regiono.

**2.3. Baza informado garantiita**
En tia favora por ili cirkonstanco la regionaj ĵurnaloj povis prosperi kaj evolui tute libere, la eldonkvantoj kreskis konstante (kun la kreskanta kleriĝo de l' popolo pro pli kaj pli bonaj lernejoj). La ĵurnaloj estis seriozaj, bonkvalitaj, informriĉaj kaj klopodis pri kompleteco kaj objektiveco. Ili kontentige plenumis la taskon de *baza informado* laŭ la principo de *neceso kaj sufiĉo*.
En tiu periodo, kiam ekaperis ankaŭ unua (kaj ĝis hodiaŭ sola, spite al kelkaj provoj fondi konkurencajn) tutlanda bulvarda ĵurnalo *Bild*, seriozaj eldonistoj kaj redaktoroj nur abomene parolis pri ĝi kaj tute ne timis iujn riskojn por la propraj periodaĵoj. Tamen la eldonkvanto de *Bild* kreskis kaj kreskis, spite al tio ke la konsumantoj rapide devis konstati, ke ĝi manipulas informojn kaj eĉ mensogas, damaĝas kaj detruas homojn, kiel brile demonstris Nobel-premiito *Heinrich Böll* [Hajnriĥ Bel] en sia fama romano *La perdita honoro de iu Katarino Blum*[1]). Sed montriĝis, ke konsumantoj aĉetis la malmultekostan sensaci-ĵurnalon ne por baze informiĝi, sed precipe por trovi amuzon kaj distron. Do *Bild* ĝis hodiaŭ, havante plej grandan eldonkvanton de ĉiuj germanaj ĵurnaloj, restis akcesora gazeto.

**3. Apero kaj disvastiĝo de televido**

Kiam post instaliĝo de televizio ankaŭ en Germanio pli kaj pli disvastiĝis televido en la sesdekaj jaroj kaj konstante populariĝis, ĵurnal-eldonistoj komencis vekrii kaj timi, ke ili perdos abonantojn kaj reklam-klientojn, kio kondukos al pereo de liberaj ĵurnaloj.
Eldonistoj timis televidon precipe pro du faktoroj: 1. **reklamado** en televido estas pli fascina pro la vivanteco de l' bildoj ol povas esti reklamo en gazeto, tiel ke multaj gravaj reklam-klientoj preferos televidon kaj rezignos pri gazetoj; 2. televida **informado** same estas pli fascina pro la filmoj kaj povos forlogi homojn de ĵurnaloj.
La timoj de eldonistoj kaj redaktoroj montriĝis parte pravaj en la unua punkto, sed tute ne en la dua.

**3.1. La ekonomia aspekto**
Efektive ne malmultaj reklam-agentejoj rekomendis al siaj klientoj, transiri de gazetoj al televido, precipe kiam temis pri produktoj vendotaj aŭ vendataj en tuta Germanio, ĉar per sama aŭ pli malalta elspezosumo oni atingas pli multajn latentajn aĉetantojn ol per reklamado en multaj diversaj ĵurnaloj. Multaj entreprenistoj, mem fascinitaj per la efiko de televido, propr ainiciate - foje eĉ kontraŭ konsilo de reklamfa-

---

[1]) Heinrich Böll, La perdita honoro de iu Katerino Blum' aŭ kiel potenco povas estiĝi kaj kien ĝi povas konduki; germana versio 1974, E-traduko de Rikardo Ŝulco 1978, Bleicher, Gerlingen ISBN 3883505005

kulo – preferis vivan reklamon surekrane.
Tamen estis bremsa faktoro: Kiel ni supre klarigis, radiofonio kaj televido en Germanio, kontraste al aliaj landoj, ne estas privata afero, sed duonŝtata. Kaj la ŝtato limigis la disponeblan por reklamado elsendodaŭron kaj proporcion inter redakcia kaj reklama programo; ekzemple ĝis hodiaŭ la duonŝtataj televid-stacioj rajtas elsendi reklamon ne post la 20a horo. Germana televizio financis sin plejparte per abonkotizo ŝtate fiksita kaj per enspezoj de reklamado, do simile kiel ĵurnaloj. Tio signifis, ke ne ĉiuj kiuj emis povis reklami en televido aŭ devis longe atendi, ĉar mankis disponebla elsendotempo. Tio do parte **protektis ekonomiajn interesojn de ĵurnaloj**, ĉar volenevole multaj klientoj restis fidelaj al presitaj komunikiloj.
Krome spertoj baldaŭ montris, ke la efemereco de informo donata en nepresita formo efikas ankaŭ en reklamado. Ekzemple, kiam temas pri nova produkto, konsumanto ja vidas kaj aŭdas ties nomon en televido, sed eble forgesas ĝin; venante al vendejo, li povas demandi pri „tiu nova dentopasto, kiun hieraŭ oni montris en televido", sed se vendejo ne jam havas ĝin kaj aĉetemulo ne scias la nomon, vendisto ankaŭ ne povas mendi ĝin. Sed se la sama aĉetemulo venas kun reklamo tondita el gazeto, la afero estas klara kaj facila. Do reklam-klientoj aŭ revenis al gazetoj aŭ agadis duoble, propagandante siajn produktojn kaj en televido kaj en gazetoj.
Entute oni povas prave supozi, ke ĵurnaloj iom perdis pro televido, sed doni iujn konkretajn kalkulojn estus neserioze, ĉar kompreneble en la tuta afero multaj faktoroj ludas rolon: ĝenerala ekonomia situacio, modoj kaj preferoj de konsumantoj, kreskanta aŭ malkreskanta aĉetpovo de l' konsumantaro, inflacio ktp. Sed la ĵurnaloj ne tiom perdis, ke multaj el ili bankrotis pro tio; parte ili reagis per diversaj metodoj, kaj sukcese. La **ĵurnaleldonejoj prosperis** dum tiu periodo – ankaŭ pro alia kialo:

### 3.2. La ĵurnalisma aspekto

La dua timo de eldonistoj kaj redaktoroj, ke televido forlogos legantojn kaj abonantojn, kiuj kontentiĝos per televida informado multe pli fascina kaj perdos bezonon kaj emon informiĝi multe pli pene per ĵurnaloj, montriĝis ne nur superflua sed tute erara. La efiko de televido estis eĉ mala: La ĝenerala informado per **televido vekis la intereson** pri politiko, ekonomio, socio kaj aliaj sferoj de l' vivo ankaŭ de tiuj, kiuj ĝis nun malpli aŭ tute ne legis ĵurnalojn. La homoj ne kontentis pri la supraĵaj informoj en televido, kies enhavon ili krome ne povis bone memori, kaj fariĝis avidaj pri pli ampleksaj kaj fundaj informoj, kiujn oni trovas nur en ĵurnaloj.
Tiel do fakte estiĝis **influo** de televido al gazetoj, el kiu profitis la ĵurnaloj, kies eldonkvanto denove kaj konsiderinde kreskis. La homoj, kiuj eksciis per televido la plej gravajn aktualaĵojn, volis relegi kaj pli konkrete kaj komplete legi ilin la postan matenon en sia ĵurnalo. Krome la ĵurnaloj fariĝis pli viglaj pro tio, ke responde al la vivaj bildoj kaj filmoj en televidaj raportoj ankaŭ seriozaj ĵurnaloj, kiuj ĝis tiam ofte neglektis tiun aspekton de ĵurnalismo, pli ofte kaj pli multe aperigis ilustraĵojn, precipe aktualajn fotojn. Dum ĝis tiam ofte la skribanta ĵurnalisto (amatore) mem fotis, nun oni dungis profesiajn fotistojn, kaj ĝenerale fariĝis pli grava la **foto-ĵurnalisto** ankaŭ en ordinaraj ĵurnaloj, kiu ĝis tiam laboris preskaŭ nur en redakcioj de ilustritaj revuoj. Hodiaŭ ĉiuj – ankaŭ regionaj – ĵurnaloj havas propran fotosekcion en la redakcio. Krome la informagentejoj pro la postuloj de ĵurnaloj devis plivastigi siajn fotoservojn.
Alia efiko estis, ke televido ne nur serĉis kaj trovis specialajn temojn sed ankaŭ produktis – konvene al rimedoj kaj eblecoj de ĉi tiu komunikilo – multajn viglajn raportojn kun **homoj** eminentaj kaj ordinaraj, kies rektaj eldiroj transportis enhavojn kaj informojn tre plastike. El tio ĵurnalistoj de presitaj komunikiloj lernis, ke ankaŭ sekajn temojn oni devas kaj povas prezenti pli atentokapte per viglaj raportoj, en kiuj rolas homoj kun originalaj citaĵoj.
Resume: ĵurnaloj aperigis (kaj aperigas) pli multajn fonajn artikolojn, kiuj profundigas aktualajn temojn multaspekte, pli multajn viglajn kaj pro tio pli amuzajn raportojn pri kaj kun homoj, pli multajn raportojn de korespondantoj el la tuta mondo.

►

**3.3. Kolora televido**

Ankaŭ la enkonduko de kolora televido influis la germanajn ĵurnalojn. La ĝis tiam nur grizaj, nigre presitaj ĵurnaloj komencis uzi alikolorajn inkojn kaj poste eĉ aperigis **kvarkolorajn fotojn**. Tiu ĉi influo de televido koncernis precipe la ekonomian flankon, ĉar eldonejoj devis aĉeti novajn presmaŝinojn kun ebleco produkti plurkolorajn gazetojn, kio kompreneble kaŭzis grandan investokoston.

Tamen ĵurnaloj iomete ŝanĝiĝis ankaŭ enhave, ĉar komence estis problemo havi aktualajn kolorajn fotojn. Do oni devis uzi neaktualajn motivojn el medioj ne esencaj por ĵurnaloj: naturo, folkloro, arto ktp. Intertempe la fotosekcioj de informagentejoj disponas pri la necesa tekniko por distribui sufiĉe rapide ankaŭ kolorajn fotojn. Nun kelkaj ĵurnaloj aperas eĉ kun ĉiutaga frontpaĝa plurkolora aktuala foto. Tio kaŭzas, ke disponebla spaco por teksto sur frontpaĝo kun plej gravaj novaĵoj reduktiĝis, ĉar plurkoloraj fotoj, por bone efiki, ofte devas havi pli grandan formaton ol nigrablankaj.

**4. Enkonduko de privataj televid-kanaloj**

Evidente en tiu unua fazo de influo de televido al gazetaro el ĝi **profitis** legantoj, ĵurnaloj kaj eldonejoj. Fakte mutiĝis rapide la komencaj plendoj de eldonistoj, ĉar eldonkvantoj kreskis tiom, ke saturiĝis la merkato. Praktike eldonejoj de l' regionaj ĵurnaloj liveris al preskaŭ ĉiu loĝejo sian produkton. Ankoraŭ en 1990 kreskis la eldonkvanto de ĵurnalaro al komplete 25,43 milionoj da ekzempleroj, laŭ oficialaj indikoj de l' federacia germana statistika instituto.

Dum la 80aj jaroj en Germanio oni enkondukis post longaj diskutoj kaj disputoj privatajn radiofoniajn kaj televidajn kanalojn. Ties konkurencon tamen pli multe timis la duonŝtataj televid-korporacioj ol presitaj komunikiloj; eldonistoj kaj ĵurnaloj evidente ne imagis, ke la televida influo al ili povus fariĝi pli granda. Plej esenca diferenco inter duonŝtataj kaj privataj televid-sistemoj estas, ke la duonŝtataj enspezas kotizojn de spektantoj kaj nur parte financas sin per reklam-elsendoj, dum **privataj komplete** devas financi sin sole **per reklamado**. Kiel tiu komercigo efikis en televido mem, ni priskribis detale en *Degenero de komunikilo*[2]; ni citas:

„... ju pli multaj spektantoj sekvas la programojn de certa kanalo, des pli multan monon oni povas postuli de reklamantoj. Do oni, por superi konkurenculojn, devas oferti programojn, kiuj katenas laŭeble multajn homojn. Kaj kiel oni atingas ĉi tiun celon? Kompreneble ne per serioza informado kaj klerigaj filmoj, sed per plej simplaj distraĵoj. En tiu konkurencado do ĉiam venkas tiuj kanaloj, kiuj ofertas programojn, kiuj provokas plej primitivajn instinktojn kaj tiel allogas la neklerigitan amason, ekzemple per pornografiaĵoj."

„... ankaŭ en la raraj inform-programoj triumfas bagatela, amuza enhavo. Kaj tiel ili logis spektantojn for de pli seriozaj stacioj kaj allogis reklamklientojn, kiujn perdis la duonŝtataj. Sed ne pensu, ke oni klopodas redukti tion, male la reago estas tute alia: nun la duonŝtataj televizioj enkondukis ankaŭ leĝerajn (legu *primitivajn*) inform-elsendojn, kiujn oni en moderna germanangla lingvo nomas *Infotainment* (infodistraĵo)..."

**4.1. Regreso de leg-kapablo kaj leg-intereso**

En la menciita artikolo *Degenero de komunikilo* ni avertis: „Jam nun esploroj montras, ke germanaj infanoj kompare al aliaj landoj draste perdis lego-kapablon, ĉar ties plej ŝatata okupo estas televidado."

Kiu ne kapablas kaj ne emas legi, kompreneble ankaŭ ne konsumas (ne aĉetas) ĵurnalon. Sed – kvankam ili ankoraŭ lernis kaj scias legi – ankaŭ gejunuloj, post plurjardeka kutimo televidi, jam **ne plu emas legi**. *Internacia Ĵurnalisto*[3]) informis pri esploroj kiuj montras, ke „germanaj ĵurnaloj perdas pli kaj pli multajn junajn legantojn", ĉar tiuj „preferas la elektronikajn komunikilojn, precipe televidon", kaj ke tio observeblas eĉ jam ĉe plenkreskuloj en okcidenta Germanio, kie en 1992 nur 68 % ĉiutage legis ĵurnalon, kompare al ankoraŭ 82 % en orienta Germanio, kie ĝis la germana unuiĝo en 1990 tute ne ekzistis privata sed nur ŝtata televido.

Tiu ĉi fenomeno ekzistas, cetere, ne nur en Germanio, sed ekzemple ankaŭ en Britio, kiel informas *Internacia Ĵurnalisto*[4]): „Kvarono de 16- ĝis 20-jaruloj en Britio nur kun peno kapablas legi; pro tio – laŭ rezultoj de enketo publikigita en 1990 – 13 % de 20-jaruloj neniam legas ĵurnalon." – „Nur 19 % de britoj informiĝas pere de ĵurnaloj, kompare kun 27 % antaŭ 10 jaroj. Plene 70 % dependas tamen de televido kiel ĉefa inform-fonto (58 % antaŭ 10 jaroj)."

Germana televid-ĵurnalisto Joachim Wagner [Joaĥim Vagner] antaŭ nelonge atentigis, ke televido estas la komunikilo kiu atingas plej multajn homojn kaj estas **plej fidinda**, ĉar la socio sentas la lingvon de bildoj pli veraj ol presitan vorton. Hilmar Hoffmann, aferŝarĝito de germana Fondaĵo Legado, dum la 2a Internacia Kongreso pri Ekologio de Komunikiloj aŭtune 1992 en Majenco (Germanio) plendis pri regreso de

---

2) Stefan Maul, Degenero de komunikilo, Monato 9/92 p. 5

3) Stefan Maul, Junularo malŝatas ĵurnalojn, Internacia Ĵurnalisto 1/92 p. 8

4) Paŭlo Gubbins, Kiel eduki legantojn, Internacia Ĵurnalisto 1/93 p. 5

legintereso de junaj homoj. Fondaĵano Bodo Franzmann [Francman] avertis, ke - kiel oni scias el Usono - la degeneradon de legado sekvas **mortado de gazetaro.**

**4.2. Provoj de ĵurnaloj, regajni junularon**
Simile kiel en Britio, kie eldonistoj reagis al tiu ĉi evoluo per programo, eduki legantojn[4]), ankaŭ en Germanio de multaj jaroj ekzistas agado *Lernantoj faras gazeton*, en kiu partoprenas kiel ĉefrolantoj ĵurnal-redakcioj. Per tiuj programoj oni provas veki intereson de gejunuloj pri ĵurnaloj, esperante ke rezulte ili poste, plenkreskintaj, abonos kaj aĉetos ĵurnalojn. Krome kelkaj ĵurnaloj provis regajni junularon per enkonduko de apartaj porjunularaj rubrikoj aŭ paĝoj. Allgäuer Zeitung (Algovia Gazeto) en Kempten, suda Germanio, eksperimentis eĉ per eldono de aparta suplemento por junularo, en kies fokuso estis riĉe ilustritaj artikoloj pri rokmuziko.

Tiu ĉi suplemento estis fiasko, sed ankaŭ la menciitaj programoj eduki aŭ (re)gajni junajn legantojn donis kaj donas nur modestajn rezultojn. Por esti pli efikaj, ĵurnalistoj kaj redakcioj devus engaĝiĝi multe pli kaj pli energie, kaj eĉ tiuokaze oni devas forte dubi, ĉu en la ĝenerala socikultura situacio tio alportus gajnon por ĵurnaloj.

**5. Kontraŭproduktiva reago de ĵurnaloj**

Nuntempe en Germanio oni povas tutdiurne televidi; meznombre civitano disponas pri dek-tri diversaj televid-kanaloj, el kiuj pli ol duono - depende de la regiono - estas privataj. Pli kaj pli multaj homoj kontentigas sian informbezonon televide. Ĵurnal-eldonistoj do devas reagi.




Kiel, pri tio raportas *Internacia Ĵurnalisto* en artikolo *Serĉo de nova ĵurnal-profilo*[5]): Oni unue esploris per analizoj kutimojn kaj dezirojn de legantoj. La analizoj konfirmis la timojn: **eĉ la aĉetantoj de ĵurnaloj perdis legemon.** Antaŭ kelkaj jaroj (antaŭ enkonduko de privataj televid-kanaloj) leganto averaĝe okupiĝis pri sia ĵurnalo dum 40 minutoj tage, nun estas nur 28 minutoj - la plej mallonga legodaŭro post la jaro 1964.[6]) Laborgrupo de l' Instituto por Ĵurnalistiko en Dortmund eltrovis en studaĵo pri l' estonteco de ĵurnaloj, ke inter la ne-legantoj de taggazetoj troviĝas aparte multaj homoj malpli ol 30jaraj. La fakuloj dubas, pro la ŝanĝita familia situacio, ke ili entute iam aĉetos ĵurnalojn tiom regule, kiom tion (ankoraŭ) faras iliaj gepatroj. Ne malmultaj eldonejoj jam tiris konsekvencojn el tiuj prognozoj kaj komencis **raciigi kaj ŝpari**; en iuj ĵurnalejoj ekzemple oni enkondukis striktan dungohalton, en aliaj oni dungas nur tre junajn redaktorojn, kiuj ne povas postuli tiom altan salajron kiel sperta, pli aĝa ĵurnalisto.

**5.1. Televidkonformaj informoj**
La influo de televido montriĝas precipe ĉe atendoj kaj deziroj, esprimitaj rilate gazetojn, pri kiuj raportas la menciita artikolo[5]): „legantoj (speciale pli junaj) deziras havi tre mallongajn, koncizajn artikolojn, multajn bildojn kaj simplan lingvaĵon. Pri kio oni tuj memoras ĉe tia karakterizo de komunikilo? Jes, pri televido." Kiel reagas eldonejoj al tiuj ĉi eltrovoj? *journalist*, organo de ĵurnalista asocio[7]), plendas ke maksimume oni **rearanĝas la grafikon**, sed tute ne akompanas science la efikon de novaj desegnoj de enpaĝigo, kaj ke ĉe renovigo de redakcia enhavo „kompleta koncepto ludas malprecipan rolon"[7]). La rezulton de tiaj renovigoj priskribas la menciita artikolo *Serĉo de nova ĵurnal-profilo*[5]) tiel: „tio signifas ne nur enhave, sed ankaŭ optike prezenti informojn simple kaj plaĉe - kiel televido; atentokapte kaj bunte (per koloroj kaj multaj fotoj) - kiel televido; per grafikaĵoj kaj figuroj, kiuj unuavide klarigas ĉion - kiel televido. Fonaj artikoloj devas havi ne pli ol 90 presliniojn - jen ekzemple la postulo en tia redaktejo. «Politiko estas interesa, kiam en ĝi ĉefrolas homoj,» - jen alia

5) Stefan Maul, Serĉo de nova ĵurnal-profilo, Internacia Ĵurnalisto 4/92 p. 10
6) Rezulto trovita de Klaus Berg/Marie-Luise Kiefer en longtempa studaĵo Massenkommunikation (Amaskomunikado)
7) Günther Rager/Armin Hingst, Zeitungen und Leser - Schlaf der Gerechten (Gazetoj kaj legantoj - Dormo de justuloj), journalist 9/92, organo de Deutscher Journalisten-Verband (Germana Ĵurnalista Asocio, unu el la du germanaj ĵurnalistaj sindikatoj)

slogano de ĉefredaktoro al siaj subuloj (komprenu: la politika *temo* ne gravas...) Kaj tiel plu."

**5.2. Strebado al amuzo per gazetoj**

Alia influo de televido, kiu ja precipe aŭ preskaŭ ekskluzive amuzas (ni parolis pri *infodistraĵo*), estas strebado al amuzo ankaŭ per ĵurnaloj. Pluraj redakcioj provas atingi tion per laŭeble multaj buntaj elementoj kaj eroj sur frontpaĝo, kun abunda uzo de koloraj inkoj. *Augsburger Allgemeine* (Aŭgsburga Ĝenerala [Gazeto]) ekzemple transiris de antaŭe seka kelklinia veterprognozo sur frontpaĝo („Tendenco al pluvo...") al versaĵoj, kiujn rimas onidire „veterorano" - kun grandioza sukceso: la veterorano preskaŭ ĉiutage ricevas leterojn de entuziasmaj legantoj, ofte kun versaĵoj.

Kompreneble per tiuj kromaj buntaj, distraj kaj amuzaj eroj (ofte kun piktogramoj) **reduktiĝas la spaco por seriozaj informoj**. Tamen, kiel atentigas *jorunalist* en la menciita artikolo[7], amuzo per ĵurnalo havas prioritaton nek en komunikad-scienco nek en deziroj de legantoj. La homoj klare distingas: **televido amuzu, ĵurnalo informu.**[6]) Sian informtaskon ĵurnaloj tamen plenumas pli kaj pli malbone, ĉar pro ekonomiaj kialoj ili ne povas fariĝi pli ampleksaj, havi pli multajn paĝojn. Klare, ke la nun abunda ebleco reklami en privataj televid-kanaloj forlogas reklam-klientojn de ĵurnaloj. La jarraporto 1992 de Ligo de Germanaj Gazet-Eldonistoj konstatas - sen indiki konkretan kalkulon - ke enspezo per reklamoj „dum jaroj malkreskas". Tial jam pri kelkaj ĵurnaloj oni konstatas, ke ili **ne plu garantias** la *bazan informadon*, pri kiu ni parolis supre.

**5.3. Malinstigo al legado**

Tiel, per imitado de televido, ĵurnaloj **anstataŭ veki legemon malinstigas al legado**. Eldonejoj fakte per tio agas kontraŭproduktive: ili perdos pli kaj pli multajn legantojn, t. e. aĉetantojn. Ni avertis en *Serĉo de nova ĵurnal-profilo*[5]): „Ĉu ne estas falsa konkludo: ĉar la (junaj) homoj ne plu emas legi, ni ne donu al ili multon por legi, sed ofertu presitan televidon? Aŭ ĉu eble inverse oni devus klopodi, per ĵurnaloj alloge kaj inteligente prezentitaj denove konduki homojn al legado?"

## Konkludo

En la enkonduko ni skribis, ke celo de nia esploro estas precipe eltrovi, ĉu la evoluo estas pli pozitiva aŭ negativa laŭ soci-kulturaj kriterioj.

● Evidente en Germanio dum la unua fazo, kiam ekzistis nur la seriozaj kaj kvalit-konsciaj duonŝtataj programoj, televido kontribuis ne nur al ĝenerala klerigo, sed ankaŭ influis gazetaron pozitive; entute tiutempe la germana socio fariĝis pli informema, interesita pri siaj medio kaj lando, hejma kaj monda politiko. Amas-komunikiloj kaj ĵurnalismo grandparte estis grava **kulturiga** faktoro en Germanio.

● Male la privataj komercaj kanaloj havis kaj havas **kultur-detruan** efikon. Komerca privata televido ŝanĝas la interesojn de l' amaso for de legado al pura amuzo kaj distro, kondukas al ĝenerala supraĵeco, malprofundeco, banaleco kaj subnivela kleriĝo. La plej freŝa statistiko publikigita fine de 1992 montras drastan regreson de intereso pri (grandparte politikaj) novaĵ- kaj informprogramoj en televido: 45 % de televidantoj spektas nenian inform-elsendon, 34 % unu, 20 % du. El la spektantoj malpli ol 30jaraj eĉ 65 % konsumas nenian inform-programon. Paralele oni jam de jaroj aŭdas plendojn de germanaj politikistoj, ke la homojn tute ne plu interesas politiko.

● Kiel ni demonstris, pure komerce orientita televido en konsiderinde grado **negative** influas germanan socion kaj kulturon. Nuntempe la presitaj komunikiloj, precipe ĵurnaloj, reagas defensive, cedante siajn antaŭajn ĵurnalismajn principojn al miopaj komercaj interesoj. Se ili ne trovos ofensivan strategion kontraŭ la malkulturiga influo de komerca privata televido, probable la evoluo en Germanio estos fakte simila kiel en Usono: la degeneradon de legado sekvos mortado de gazetaro. Degeneradon de legado tamen sendube ĵurnaloj solaj ne povos haltigi; por tion atingi necesus kunordigita agado de multaj kulturigaj instancoj, de lernejoj ĝis politiko - kiu ebligis kaj grandparte favoris enkondukon de privata televido.

## LINGVO

**PROBLEMOJ**
**DEMANDOJ**
**KONSILOJ**

---

# Aventura vojaĝo al kaj tra vid-e-olando

**Ankaŭ pro la klopodoj, krei Esperanto-version de vidbenda lingvokurso, lastatempe oftiĝis uzado de l' termino *video* - kaj samtempe montriĝas kunfuzo pri ĝi. Eĉ Internacia Esperanto-Instituto en Hago (Nederlando), kiu lanĉis la projekton, en sia materialo pri la kurso uzas jen *vidbendo*, jen (pli ofte) *videokasedo*...**

Ĉu do *video* aŭ *vidbendo* kun koncernaj derivaĵoj estas pli ĝusta kaj pli taŭga? Ankaŭ en diversaj E-gazetoj oni diverse skribas pri ĝi. Ni provu, iom sisteme esplori la problemon. Akompanu nin en tiu ĉi aventura vojaĝo tra vid(e)olando... ►

## 1. La tekniko

Pri kia tekniko temas? Simpla priskribo estas jena: aparato, per kiu oni povas registri sur magneta bendo bildojn kaj scenojn ĉiuspecajn kaj sonojn kaj poste rigardi helpe de monitoro/televidilo. Oni same povas registri per ĝi televid-programojn kaj kopii bendojn. Per kongrua kamerao oni povas registri scenojn kun sonoj kaj poste rigardi tiajn filmojn helpe de l' aparato. Krome oni povas manipuli tiajn bendojn ankaŭ helpe de komputiloj.
Principe la tekniko de magneta bendo estas sama kiel en *magnetofono* kun la diferenco, ke per *magnetoskopo* (vid-bend-aparato) oni povas registri ne nur sonojn sed ankaŭ bildojn. Se ni analizas la du terminojn, ni trovas analogecojn ekzemple al *gramofono, telefono, teleskopo, diaskopo* (por prezenti diapozitivojn), *periskopo*. Diferenco tamen estas en tio, ke *magnetoskopo* sola ne taŭgas por prezenti, ĉar por rigardi poste registraĵon oni bezonas kompletigan aparaton, monitoron aŭ televidilon (kiuj teknike estas praktike samaj). La vort-partoj *fono* kaj *skopo* estas helenlingvaj vortoj, respektivaj ekvivalentoj de *sono* kaj *vido, rigardo*.

## 2. Sonbendo - vidbendo

Kiel en aliaj lingvoj, ankaŭ en Esperanto oni parolis pri *sonbendo*, kiun oni uzas per *magnetofono*. Simile post *telefono* oni enkondukis *televido* (teleskopo jam ekzistis, kun alia signifo). Kaj oni uzis derivaĵojn *sonbendilo* kaj *televidilo* por la aparato. Laŭ tio oni povus atendi la formojn *magnetoskopo* kaj *vidbendo*, kiam ekaperis magnetaj bendoj (kaj koncernaj aparatoj) por bildoj. Strange, tamen, deviis multaj lingvoj de l' antaŭa kutimo kaj transprenis el usona lingvo la novan terminon *video*.
Stranga estas la termino mem. Laŭ la por mi alireblaj fontoj la usonaj kreintoj prenis la novan vorton el latina lingvo[1]. Sed aŭ la inventintoj de l' nova tekniko ne bone sciis la latinan aŭ tre malstrikte aplikis ĝin; ĉar la latina vorto video signifas „mi vidas". Kial oni faris el ĝi substantivon? Kaj kial aliaj lingvoj sklave kopiis ĝin?
Ni prenu kiel ekzemplon la germanan lingvon. En ĝi *sonbendo* estis Tonband (sonbendo), *magnetofono* estis Magnetophon/Magnetofon (magnetofono), *televido* estis Fernsehen (malproksim-vido) kaj poste mallongigo TV (por angla television) same kiel antaŭe *telefono* estis Fernsprecher (malproksim-parolilo) kaj nun Telefon. Por sonbend-aparato en germana lingvo oni uzis sinonime la vorton Tonband, tamen por tv-aparato oni uzis Fernseher (televid-ilo).
Nun aperis vidbendo - kaj la germana lingvo kolapsis: analoga termino estus Sehband, sed ĝi malbone sidus en la lingvo, aŭ Bildband, sed ĝi jam estis okupita, ĉar temas pri bildo-libro (laŭvorte: bild-volumo). Intertempe germanoj, krome, kutimis transpreni el Usono ĉiujn novajn vortojn senpripense (sen pensi), do kvazaŭ aŭtomate oni en Germanio ekuzis Video, Videorecorder, Videothek, Videofilm, Videocassette, Videokamera, Videoclip, Videokonferenz ktp. Cetere, el Tonband intertempe fariĝis Cassettenrecorder... Kaj eĉ pli: laste mi aĉetis sonbendilon de germana firmao; ĉiuj uz-indikoj sur la aparato estas en angla lingvo (kiel sur japanaj aparatoj).

## 3. Vortaroj kaj terminaroj

Mi ne disponas pri E-vortaroj de ĉiuj lingvoj kaj do povas konsulti nur kelkajn. Jen:

Angla de J. C. Wells de 1985:
**video** (tele)vido, -a

Itala de Istituto Italiano di Esperanto de 1981:
**video** *vido*

Germana de Erich-Dieter Krause de 1983:
**Video|detektor** *m TV* videodetektilo; **-recorder** *m TV* videoregistratoro; **-telefon** *n* videotelefono; **-verstärker** *m* videoamplifilo
Manlibro pri Ĵurnalismo de J. Junger/S. Maul de 1988 (Terminareto):
**vidobendo** - magneta portanto de signaloj por bildoj kaj sonoj (filmo); vidbendoj estas uzataj precipe en televido. *Vidbenda kamerao, vidbend-kaseto*. Oni rigardas vidbendojn per *magnetoskopo* kaj televid-ricevilo. *Vidodisko* - paralelo de sondisko sed ebliganta ankaŭ vidi la registraĵon. Por rigardi necesas vidodiska aparato kaj televid-ricevilo. [La formo *video*-bendo estas evitinda, ĉar superflua en Esperanto.]

Suplemento de Plena Ilustrita Vortaro de Esperanto de 1987:
**video/**. Internacia prefikso rilata al ĉio, kio registras, transdonas k reproduktas bildojn k sonojn per elektronika procedo : *-amplifilo, -bendo, -disko*. **-registratoro**. Aparato ebliganta registri sur magneta bendo samtempe televiziajn bildon k sonon.

En *Pekoteko*, kiu cetere plene adoptis ankaŭ la formon *video*, oni diskutas la demandon, ĉu en Esperanto la prefikso devus

---

[1] Plej aktuala Brockhaus dtv indikas: [lat. video »ich sehe«] in Wortzusammensetzungen svw Fernseh...
Traduko: [lat. video »mi vidas«] en vortkunmetoj signifas televid...
---
Das große Wörterbruch der deutschen Sprache, Duden, 1981, indikas: [engl. video-, zu lat. vidēre = sehen]
La granda vortaro de la germana lingvo, Duden, 1981; [angl. video-, de lat. vidēre = vidi]

esti *video*- aŭ *vide*- sub konsidero, ke prefikso devus ne havi finaĵon -o. Oni tamen ne diskutas la demandon pri akcento. La „internacia" (legu: usona) prefikso havas en certe plej multaj lingvoj akcenton sur i - video, sed en Esperanto la akcento devas laŭ la fundamenta regulo sidi sur e - video. La „internacieco" do validas nur por la skriba, ne por la parola versio...

El la menciitaj vortaroj nur la angla de Wells, la itala kaj la (sola) fakterminareto uzas la Esperanto-vorton *vid(o)*. Tamen, se laŭ Wells *video* estas sinonimo de *vido* - kial entute ni enkonduku novismon *video*, kiom ajn „internacia" ĝi estas? Tiom „internacia" estas ankaŭ *recorder*, kaj tamen oni uzas aŭ *registrilo* aŭ *registratoro* en la supre cititaj vortaroj - kvankam mi vidis ankaŭ jam la aparte ĉarman formon *rikordilo* en iuj E-gazetoj. Mi demandas krome, kial oni enkonduku la monstran vorton *registratoro* por *registrilo* (magnetoskopo); pri kiu registrata oro temas?

**4. Derivaĵoj**

Kvalito kaj taŭgeco de termino ofte dependas ankaŭ de l' derivaĵoj kaj kunmetitaj aŭ kombinitaj vortoj, kiujn ni bezonas. Ni do esploru la du formojn laŭ tio kaj listigu - tute arbitre - unualoke la „internaciajn" terminojn kun *video* kaj dualoke la esperantajn kun *vido* kaj *magnetoskopo* (bonvolu voĉlegi laŭte por ĝui ankaŭ prononcadon kaj akcentojn!):

video / vido
video-aparato / magnetoskopo, vidbendilo
videobendo / vidbendo, magnetoskopa bendo
videokasedo / vidbend-kaseto (vid-kaseto?), magnetoskopa kaseto
video-registrilo (-registratoro) / magnetoskopo, vidbendilo, vidbend-registrilo
videoregistraĵo / vidbend-registraĵo, magnetoskop-registraĵo (vidregistraĵo analoge al sonregistraĵo?)
video-kamerao / vidbend-kamerao (leĝere: vidkamerao?), magnetoskopa kamerao
video-filmo / vidbenda filmo, magnetoskopa filmo
videoklipo / vidbendeto, vidbendero, vidbenda filmeto, vidbend-sceno
videoteko / vidbendoteko
videotelefono / vid-telefono
videokonferenco / vidtelefona konferenco, (leĝere: vid-konferenco?)
videotekniko / vidbend-tekniko, magnetoskop-tekniko
video-arto / vidbenda arto
videoamplifilo / magnetoskop-amplifilo

**5. Plia konfuzo**

Por kompletigi la konfuzon, ni revenu al la komence menciitaj analogecoj kaj paraleloj de terminoj kun helendevenaj vortpartoj *fono* kaj *skopo*. Jen ekzemploj:

telefono / teleskopo
sed: tele**vido**
magnetofono / magnetoskopo
sed ne: magneto**vido**

Konfuzo karakterizas ankaŭ aliajn terminojn:

sonbendo / vidbendo
sed: kial ne **aŭd**bendo? Ni ja parolas pri **aŭdvidaj** komunikiloj, ne pri **sonvidaj**.
gramofono, sed ne gramo**skopo**, kvankam ni parolas pri sondisko kaj vidodisko (tekniko, cetere, kiu praktike ne sukcesis konkeri merkaton).

Krome ni memoru, ke Wells en sia vortaro la anglan *video* tradukas per du terminoj: *televido* kaj *vido* - ĉu do la „internacia" video fakte estas televido?

Fine konfuzis min, ke en programo de Akademio Internacia de la Sciencoj San Marino (AIS) oni informas pri ekzisto de *medioteko* de AIS en San Marino. Laŭ la kunteksto, mi supozas ke temas pri deponejo de aŭdvidaj kasetoj, ne de libroj kaj aliaj presaĵoj (gazetoj, revuoj), ĉar en tiu okazo oni ja parolus pri konvencia biblioteko. La termino *medioj* - kiel konate - estas ankaŭ kopiaĵo de uson-angla *media* (aŭ *massmedia*), al kiu en konvencia Esperanto respondas termino *(amas-)komunikiloj*; sed tion neglektas iuj, uzante la „internacian" (legu: usonanglan) *amas-medioj*. Konsekvence do - eble - en AIS-medioteko troviĝas tiaj amasaj medioj, bone gardataj de AIS-mediprotektantoj (ekologoj). Aŭ ĉu temas pri *aŭdvidoteko* aŭ *sonvidoteko* aŭ eble nur simple pri *bendoteko*?

**6. Kiu konkludo?**

Ŝajnas, ke dum nia vojaĝo tra vid(e)olando ni alvenis en tre densa, neelirebla terminara ĝangalo - aŭ kion konkludi? Evidente por kelkaj terminoj (precipe derivitaj) la formo *video* estas pli simpla kaj facila laŭ la supra listo. Same evidente multaj Esperanto-uzantoj vojaĝas laŭ tiu ĉi simpla vojo, ne zorgante pri principo de neceso kaj sufiĉo nek pri prononc- kaj akcent-problemoj. Aliflanke la formoj *vido*- kaj *magnetoskopo* sidas multe pli bone en la lingvo internacia - eĉ se parte derivitaj terminoj estas pli pezaj - ĉar ili harmonias kun fundamentaj reguloj, kun la principo de neceso kaj sufiĉo kaj internacieco, se la kriterion de internacieco ni ne limigas al superrego de usonangla lingvo.

Kion opinias kaj konkludas, kion konsilas kaj proponas vi?

Stefan MAUL

# La deveno de *vídeo*

En la supra artikolo Stefan Maul faris aventuran vojaĝon en vide-o-lando, kie ĝis nun ne ekzistas fidindaj leksikaj mapoj. Pro tio, ne nur li sed ankaŭ multaj aliaj esperantistoj konfuziĝas kaj ne kapablas akordiĝi pri unuecaj terminoj por grava nuntempa fako. Ĉar la terminografiaj problemoj

estas tiel multeflankaj kaj kompleksaj, mi ne emas arogi al mi facile kaj plene solvi ilin. Per la ĉi-subaj komentoj, mi deziras ĵeti iom da lumo sur unu aspekton de la diskuto iniciatita de redaktoro Maul. Temas pri la etimologio de la vortoj *video* kaj ankaŭ *aŭdio*.

En sekcio 2 de la citita artikolo, estas prezentita malĝusta deveno de la termino *video*. Laŭ fontoj alireblaj por li, la aŭtoro tiras la konkludon, ke usonaj kreintoj de la vorto prenis ĝin de *video* (mi *vidas*), la unua persono prezenca de la latina verbo *videre* (vidi), kaj li demandas „kial oni faris el ĝi substantivon? Kaj kial aliaj lingvoj sklave kopiis ĝin?

### Scienca prefikso

Efektive, la identeco de formo inter la latina verbformo *video* kaj la internacia - ne usona! - vorto *video* estas tutsimple la rezulto de homonima koincido. La elemento *video-* en sciencaj terminoj venas de la radiko de la latina verbo *vide-*; al ĝi estas aldonita la vokalo o por faciligi formadon de kunmetitaj vortoj. Analogie *aŭdio-* devenas ne de *aŭdio* (mi aŭdas), la unua persono prezenca de *audire* (aŭdi) sed de la radiko *audi-* + *o*: *audio-*.

Leksikografoj nomas tiujn leksikajn elementojn kombinaj formoj. La rezultantaj kunmetaĵoj apartenas al la Internacia Scienca Vortprovizo (International Scientific Vocabulary - ISV). Sekve, nek *video* nek *audio* estas usonanglaj vortoj. Surbaze de tiu klarigo, *video-* kiel scienca prefikso signifas „rilatanta al la dissendado aŭ ricevado de televidaj bildoj", kaj vortoj kun *audio-* temas pri dissendado aŭ ricevado de sonoj. Kvankam ankoraŭ ne ĝenerale uzata, estas eble formi Esperantajn sciencajn terminojn per *aŭdio-* anstataŭ *son-*: aŭdiobendo, aŭdiokasedo, aŭdioregistraĵo, aŭdiodisko (diference de videodisko).

Mi preferas la uzon de *video-* en Esperanto anstataŭ *vid-* por formi ĉiujn vortojn rilatantajn al la registrado kaj spektado de televidaj bildoj. La argumento, ke prefikso devus ne havi finaĵon -o, ne estas firma regulo; Plena Ilustrita Vortaro registras plurajn kiel, ekzemple, radio/, intra/ kaj stereo/. Ili funkcias kiel la kombinaj formoj menciitaj ĉi-supre.

Bernard GOLDEN

## L' eraro de l' jaro

### en la Kontrakto inter ILEI kaj *Eventoj*

### En vino vero, en kritiko severo

En IĴ 4/93 (p. 15 - 16) mi proponis, ke ĉiu Esperanta periodaĵo havu rubrikon kun la titolo „Eraroj de la monato" (se temas pri revuo aŭ gazeto aperanta ĉiumonate). Ĝia celo estos listigi lingvajn misaĵojn en antaŭaj numeroj, por ke legantoj povu fari la necesajn ĝustigojn en siaj ekzempleroj. Bedaŭrinde, ĝis nun neniu redaktoro adoptis mian didaktikan rimedon por plibonigi la lingvouzon en la verda gazetaro. Tute male, tiuj, kiuj respondis al mi, bagateligis la erarojn, argumentante, ke tiaj lingvaj diskutoj ne havas intereson por la legantaro. La konsterna rezulto estis, ke la redaktoro kaj liaj stabanoj senhonte balais la lingvajn fuŝaĵojn sub la tapiŝon, esperante, ke ili neniam reaperos. Sed lingvaj problemoj estas tre persistaj kaj insidaj, kaj senĉese montras sin, kie ili ne devas esti.

### Misuzo de „rezulti" en grava oficiala dokumento

En aŭgusto 1994 mi perletere atentigis la redakcion de *Eventoj* pri grava eraro, kiu troviĝas en la *Kontrakto pri kunlaboro* ekestinta inter ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj) kaj la redakcio de *Eventoj*. Ĝia teksto aperis en *Internacia Pedagogia Revuo* (IPR n-ro 3/1993, p. 19) kaj la subskribintoj estas Stefan MacGill, la vicredaktisto de IPR, kaj László Szilvási, la eldonisto de *Eventoj*. Jen la unua paragrafo:

„**1. Ambaŭ partneroj konsentas, ke:**

1.1. Lingvokurso, kie oni instruas nur la lingvon kaj ne donas la necesajn movadajn konojn, preskaŭ certe rezultas la malaktiviĝon de la kursano, kion ĝenerale sekvas la neuzo kaj poste la forgeso de la lingvo."

La senco estas, ke mankhava instruado kaŭzas malfavoran situacion; sekve, la netransitiva verba radiko „rezult-" estu transitivigita per la sufikso „-ig". La ĝustigita frazero devas teksti: „rezultigas la malaktiviĝon de la kursano".

### Ĉu „silento estas konsento"?

Samtempe mi informis Stefan MacGill pri la eraro, kaj citis ĝuste verkitajn frazojn el IPR, por ke li sciu, kial „rezultas" estas erara vortformo en la teksto de la *Kontrakto*. Ĝis nun li ne respondis, aŭ por konfesi, ke li misuzis netransitivan verbformon anstataŭ transitiva, aŭ por defendi tiun anomalian lingvouzon per sia tipe bizancisma rezonado. Kaj lastatempe alvenis letero de la redakcio de *Eventoj* kun la morna informo, ke la demando pri „rezulti" *jam* estis balaita sub la tapiŝon! Ŝajnas, ke publikigo de la faktoj pri *l' eraro de l' jaro* estas ebla nur en IĴ - mi esperas.

Bernard GOLDEN

## LETEROJ

Skribu al
Stefan Maul
Pferseer Str. 15
D-86150 Augsburg
FR Germanio

---

## Elreviĝo

**Pri problemo de ironio skribas *Garbhan MacAoidh, Irlando*:**

Kelkaj eŭropanoj asertas, ke usonanoj kapablas aprezi nek

sarkasmon nek ironion. Ĉu la sama manko estas ĝenerale inter esperantistoj, mi ne kompetentas respondi. Almenaŭ nia ĉieesta amiko, akademiano Bernard Golden (IĴ 3/94, p. 11), ne rekonis, ke estis sarkasma mia aserto: „eraroj fare de kompostistoj estas tuj rekoneblaj".

Plie, sur p. 13 de la sama numero, li invitas min partopreni infanan ludon (supozeble ĉar mi estas, laŭ li, „unuakursano" - vidu paĝon 15). Mi trovas tiajn goldenajn defiojn ege tedaj, sed por kontentigi lin, mi kunludas kaj deĉifras, jene: 1) pseŭdonimo 2) alumetflamo 3) mi devas informi, ke la klubokaso denove estas malplena.

Tamen, ĉi tio, por mi, estas la fino de la ludo.

Zamenhof kreis Esperanton por disvastigi sian internan ideon pri internacia kompreno, amikeco kaj paco. Bedaŭrinde, ĵurnalisma kaj literatura aktivecoj en Esperanto lastatempe iĝis scenejo por kontentigi la vantemon de malgrandega nombro da individuoj, kiuj konsistigas memelektitan pseŭdoeliton, kaj kiuj ŝatas ridindigi la humilajn klopodojn de la ordinara esperantistaro.

Por rezisti la tenton imiti tian pozadon, miaj skribaĵoj aperis sub diversaj nomoj kaj pseŭdonimoj, sed nun la tuta ŝarado lacigas min, kaj mi ne plu deziras konkuri. Espereble eldonado en Esperanto iutage ree iĝos demokrata. Ĝis tiam, mi ne deziras verki en Esperanto, kaj intencas limigi mian kontribuadon precipe al eldonaĵoj en mia (gaela) lingvo, ĉe kies legantoj mi ĝuas modestan reputacion, dum neniu fanfaronas je mia kosto. Al mi ja mankas la genio de Kabe, sed ne liaj seniluziiĝo kaj elreviĝo.

## Fontindikoj mankas

***Claude Rouget*, *Norvegio*, kritikas:**

Mi hodiaŭ ricevis IĴ 3/94 kaj trovis tie interesajn legaĵojn, kiel kutime. Ĉu vi povas venontfoje zorgi ke aperas fontindiko por la ilustraĵoj uzataj en IĴ. Fontindikon ne eblas trovi por la du tabeloj (paper-reuzo kaj paper-konsumado) en IĴ 3/94.

---

La donitaĵoj pri paper-reuzo venis de OEKE (Organizaĵo por Ekonomia Kunlaboro kaj Evoluigo), Parizo, surbaze de statistikoj el 1990/91: fonto de l' alia tabelo estas Asocio de Germanaj Paperfabrikoj. - Pardonu la neglekton. red.

## PERSONE

**Joel Brozovsky** kaj asistanto **Choe Youngsuk** rikoltis multajn laŭdojn pro la kongresa kuriero *Kvieta Mateno* de l' UK en Seulo.

**Kikusima Kazuko**, pli bone konata kiel fama japana esperantistino sub la nomo KRIZANTEMO, eldonis gvidlibron

エスペランティストのための
会話独習法入門
KRIZANTEMO
GVIDLIBRO pri
AŬTODIDAKTA LERNADO DE KONVERSACIO
por esperantistoj
Japana Esperanta Librokooperativo

pri aŭtodidakta lernado de konversacio. La libreto, en Esperanto kaj japana lingvo, certe povas esti bona modelo por alilingvaj eldonoj.

**Andrzej Pettyn** - kia koincido - ankaŭ eldonis konsilojn por memlernantoj; la kajero *Ĉu vi volas paroli flue?* sur la kovrilo havas jenan klarigan indikon: „Surbaze de la spertoj el kelkcento da Esperanto-kursoj kaj ĵurnalista laboro en Pola Radio".

**Jukka Pietiläinen**, redaktoro de *Esperantolehti*, havas novan adreson, kiu validas ankaŭ por la gazeto: Kuusikonkatu 4 B 17, FIN-33820 Tampere, Finnlando.

**Aldo de' Giorgi**, aperiginte en *La Kancerkliniko* artikolon pri netoleremo de nefumantoj, ricevis seriozajn reagojn al la (neserioza?) propono fondi Ligon de Esperantistaj Fumantoj.

**Emilija Lapenna**, eminenta ĵurnalistino, kiu konatiĝis precipe pro Esperanto-elsendoj de Radio Zagreb (intertempe ĉesigitaj), mortis 84jaraĝa.

## REVUO de revuoj

**ESPERANTO**
organo de UEA
fine reatingis akuratan aperritmon: la septembra numero 1994 aperis en septembro!

**HEROLDO DE ESPERANTO**
ricevis - kun verkistino Spomenka Ŝtimec (Zagreb) - la Esperanto-kulturpremion 1994 de FAME-fondaĵo kaj urbo Aalen. TEĴA gratulas!

**EL POPOLA ĈINIO**
havas sporteman redakcion: ĉiuj redaktoroj partoprenis konkuron de laborantoj de gazetoj kaj eldonejoj, entute 3000 personoj. Pri la rezulto informas la gazeto: „Kompreneble, la sukceso eble ne estas menciinda, sed kiel oni diris pri Olimpikoj: Partopreni estas plej grave por disvolvo de sportoj."

**UKRAINA STELO**
estas nova gazeto de Ukrainia Esperanto-Asocio. Adreso: Vasyl Stanovyĉ, str. P. Orlyka, 3 A, UA-293720 Drohobyĉ.